# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Oficiala internacia organo de „Internacio katolika“ (Ika), de „Internacia katolika Esperanto Oficejo“ (IKEO)
de „Mondjunularo Katolika“ (Moka), kaj de „Blanka Kruco“ (internacia misio katolika)



Numero 6, 1922/23 — II. Kolekto 1922/23


# Sunon al la infano!

La senkora evoluo de la kapitalista industrio moderna ankaŭ senrajtigis la infanon. La nesatigebla profitema buŝaĉo de l' egoismo eĉ ne haltis antaŭ la sanktejo de l' infano. Oni ne bezonas memorigi la kruelajn traktadojn de la malfeliĉegaj infanoj, kiuj komence de la 19a jarcento en A n g l u j o kaj pli poste simile en G e r m a n u j o estis devigataj dum 10 horoj labori en malsanaj fabrikoj. Oni nur tramigru la senlumajn kaj senĝojajn kvartolojn de la malnovaj industriaj centroj. Oni vizitu la mizerajn familiojn, loĝantaj en sensunaj keloj, kie patro kaj patrino dumtage laboras en fabrikoj por gajni la vivon, dum la infanoj, malpuraj, vestitaj en malnovaj ĉifonoj, sen patrina amo kaj zorgo sur la stratacoj pasigas la tagon . . .

Kortuŝitaj per tiu mizero la socialistaj teoriuloj, konstruantaj la „i d e a l a n ŝ t a t o n d e l' e s t o n t o“ pro tio proponis forpreni l' infanon el la familio kaj transdoni ilin al la zorgo de ĉiopova ŝtato. Sendube tiaj teorioj, venintaj el la pure materialista kompreno pri ŝtato, kiu devus estiĝi maŝino, estas nerealigeblaj fantazioj. Tamen la naskiĝanta socialismo per tio montris, ke ĝi estis decidita, helpi la mizerajn infanojn de la proletariaro, dum la tiel nomitaj „kristanaj“ entreprenistoj kelkfoje ne ruĝiĝis, abominde mizuzi la senkulpajn infanojn por siaj egoistaj celoj. Intertempe la plua socia evoluo iomete plibonigis la sorton de la laboristaj infanoj. Jes, fantaziemaj idealistoj antaŭ la milito eĉ revis pri la „ora epoko“ de l' infano, pensante plej ofte nur al la infanoj de feliĉaj posedantoj, kiujn oni volis eduki per plej modernaj, plej komodaj, plej „dolĉaj“ metodoj. Fakte, la pedagogia kaj psikologia sciencoj atingis multe da admirindaj progresoj teoriaj kaj praktikaj. Sed la ĉefa problemo, la helpo por la infanoj de la malriĉaj klasoj ne estis kontentige solvita. Multege da infanoj devis vivi en senĝoja, kompatinda mizero — dank' al la mizusa sistemo de l' avidema kapitalismo. Tamen oni devas konstati, ke la pli granda parto de la kulturaj ŝtatoj almenaŭ per protektaj leĝoj malpermesis la fabrikan laboron de infanoj.

Venis la milito kaj ĝiaj kruelegaj sekvoj. Estas superflue denombri la terure grandan nombron de malfeliĉegaj infanoj, kiuj dum kaj post la milito formortiŝ pro malsato kaj frosto en meza kaj orienta Eŭropo. Tiam kreiĝis en Svisujo interlige kun la „Ruĝa Kruco“ en Genevo internacia helpunuiĝo por la infanoj; fondita en jaro 1920 tiu tutmonda organizacio nun nombras 22 naciajn komitatojn kaj nutras momente en Rusujo 340.000 infanojn. Dum la unuaj 3 jaroj ĝi kolektis pli ol 80 milionojn da oraj frankoj kaj disdonis ilin en ĉiuj suferantaj landoj sen iu diferenco de raco kaj religio.

Tiu internacia institucio nun ankaŭ aranĝas enketon pri la „rajtoj de l' infano“ laŭ hominda kaj morala flankoj por fiksi ĝeneralan planon por i n t e r n a c i a j p r o t e k t a j l e ĝ o j de l' infano („magna carta“ de l' infano). Jam pluraj internaciaj organizoj respondis al tiu iniciata alvoko, ekz. la „internacia konsilantaro de la virinoj“ (sidejo en Christiania), kiu per speciala komitato fiksis interesegan tekston por internacia „karto de l' infano“. Ne estas eble tie citi la tutan detalegan programon. Nur kelkaj punktoj rimarkindaj:

Ĉiu infano havas naturan rajton je sufiĉa korpa, spirita kaj religia edukado. Kie la gepatroj ne povas plenumi tiun ĉi devon, la sociaj komunumoj nepre devas prizorgi tion.

En epokoj de ĝenerala mizero ekonomia, l' infano ĉiam estas preferinda al la plenkreskaj personoj.

Protektado de l' infano antaŭ la naskiĝo devas esti ordonita per specialaj leĝoj, kiuj garantias la sanon kaj viveblecon de patrino kaj infano. . . .

Morala edukado en ĉiuj lernejoj; religia instruo en la religio de la gepatroj.

Pri la l a b o r o de la infanoj oni postulas:

Malpermesi laboron de infanoj antaŭ la 14a jaro.

Malpermesi, ke junuloj ne ankoraŭ 18jaraj laboru en danĝeraj entreprenoj aŭ dum noktoj . . .

Pripensindaj estas precipe ankaŭ la proponoj pri juĝejoj por infanoj. Specialaj juĝistoj devas esti nomataj por juĝi pri krimoj de infanoj. Anstataŭ kondamni kulpajn infanojn al gravaj punoj, oni starigu specialajn edukejojn . . .

Fine oni rekomendas, ke en ĉiu stato estu kreota aparta sekcio por ĉiuj aferoj, kiuj tuŝas la infanon. Ĝis nun tiuspecaj ŝtataj oficejoj funkcias sukcesplene en W a s h i n g t o n, en Kanado kaj en Jugoslavio.

La sama internacia oficejo en Genevo publikigas la tiurilatajn projektojn de la i n t e r n a c i a l a b o r o f i c e j o en Genevo, aligita al la oficejo de la ligo de la nacioj. Tiu ĉi programo fiksas la minumumajn postulojn por la protekto de la infanoj en la industriaj entreprenoj. Ĉiu ŝtato malpermesu uzi infanojn ne 14-jarajn en industria laboro. Por kontrolo efika ĉiu industria entreprenisto estu devigata enskribi en specialan liston ĉiujn gelaboristojn, malpli ol 16-jaraj. . . .

Estu malpermesata ke junuloj ne akoraŭ 16 jaraj laboru en industriaj entreprenoj dum la nokto . . .

Sekvas specialaj ordonoj rilate al la protektado de la patrino kaj infanoj antaŭ kaj dum la naskiĝo, plue proponoj por specialaj profesioj, la maristoj, la hejtistoj ktp.

Fine la interesa raporto rakontas pri kunveno de komitatoj por I n t e r n a c i o d e l a b o r i s t a g e j u n u l a r o kaj A s o c i o i n t e r n a c i a d e l a j u n u l a r o socialista en Salzburg dum aŭgusto 1922, kiu decidis pli radikalajn proponojn. Interesemuloj elpetu la franclingvan raporton de U. J. S. E. Genève, 4 rue Massot, Svisse.

Tralegínte tiujn proponojn oni certe devas admiri la oferemajn klopodojn diversflankajn por plibonigi la sorton de l' infanoj, kruele turmentitaj per la moderna kapitalista kaj sendia mondordo. Tamen katoliko iomete devas bedaŭri, ke tiuj grandanimaj homoj atendas plibonigon nur per paperaj leĝordonoj. Sendube protektadaj leĝoj havas grandan valoron; tamen la leĝoj ofte estas mortaj, se ne ekzistas bonvoluloj, kiuj diligente ilin plenumas. Aliflanke oni ofte ne vidas la profundajn kialojn. Oni ne volas jesi, ke nia tuta kapitalista sistemo, bazita sur persona egoista sinriĉigo ĉiam denove kondukas al mizero de infanoj; ĉar la senlabora tempo, la nesufiĉa salajro, la malpura, malmultekosta loĝejo,

# La malgrandulino de la tria etaĝo.

Laŭ la vivo rakontis
**M. Desroches.**
Esperantigis M a x R o u b.

En la domo oni ŝin nomis nur „la malgrandulino de la tria etaĝo“. Ŝi estis delikata kaj ridinda pro siaj blondaj harligoj rondformaj kaj nazo rekurbita, kiu donis al ŝia vizaĝo buban kaj mokeman mienon. Ŝi estis agema kiel tri kaj plej lerta mastrumantino; ŝi dorlotis sian edzon dank' al mono ŝparita el sensencaj elspezoj; ŝi zorgis belan infanon trija an, kiun ili ambaŭ pasie amegis. Kiam ŝi revenis rapidege de la foirejo, portante sian tutplenan provizujon, kun kanteto sur la lipoj kaj tiu eksteraĵo de honestaj kaj simplanimaj virinoj, la pordistino, babilante sur la pordsojlo, fieraŭ ŝin fingromontris ridante:

— Rigardu ĉi tiun „malgrandulinon de la tria etaĝo“! Ŝi ŝajnas esti dekkvinjara! Kaj ĉiam kontenta nu! Ho, ŝia edzo nepre gajnis bonan lotajon!

* * *

Tiumatene, ŝi ŝajne estis ankoraŭ pli rapidema ol kutime.

La dekunua horo sonis ĉe la Sanktamedardpreĝejo. Neniam ŝi revenis tiel malfrŭe kiel hodiaŭ.

Rapidege ŝi suprenir is la ŝtuparon. Sur la platajoj, el pordoj duone malfermitaj elfluis manĝodoroj, infankrioj: la tuta vivo de laborista domo je la manĝohoro, kiu ĉiujn familianojn hejme kunigas.

Ŝi apenaŭ respondis al la „bonan tagon“ de la najbarinoj. Malkviete ŝi suprenrapidis, la okuloj malproksime rigardantaj, ne ridetante kiel kutime. Je la tria etaĝo, antaŭ sia loĝejopordo, dum unu sekundo ŝi haltis spiregante. Poste ŝi malfermis la pordon.

Ŝia edzo, jam reveninta de la laborejo, amuzis la knabeton je la angulo de l' ĉambro.

Sunradio, trairante la fenestron, heligis la puran kaj ĉarmetan ĉambreton.

La edzo ekmalfermis la buŝon por demandi la kaŭzon de tiu ĉi malfruo. Sed ŝi ne lasis tempon al li por paroli. Starante antaŭ li, kareseme, kun flambrilo en la bluokuloj, ŝi petegis:

„Aŭdu . . . ĉu vi volas fari al mi plezuron?“

Surprizite li ŝin rigardis, sen kompreni, juĝante ŝin tiel beleta, ke li ekdeziris ŝin brakpremi. Sed ŝi rediris:

„Vi permesos al mi plezuron, ĉu ne? Jes? Certe? Nu! Konduku min tiuvespere al la kino-teatron!“

Malkaŝe li subite ridegis kiel bonulo.

„Vi ankaŭ deziras iri tien hodiaŭ? Mi pensis, ke vi malŝatus tion? Multfoje vi diris al mi, ke tiamaniere oni malŝparegas sian monon, k. t. p. . . . . kaj nun, nun vi mem deziras tien iri?

Li simple tion parolis, kun rideto sub sia dika lipharaŭo, mirante vidi ŝin tiel rapide aliigita.

Sed ŝi ne ridis. Kun kripsigataj brovoj kaj malpacienca faldo je la lipanguloj, ŝi akre respondis:

„Mi ne memoras, kion mi estis dirinta pri tio . . . Plie tio estas al mi indeferenta. Ŝi neniam amuziĝas. Ni neniam forlasas la hejmon, kiel la aliaj. Fine, mi estas sata je tiu vivo! Tiuvespere oni prezentos eksterordinaran filmon . . . La gazetvendistino al mi diris, ke oni nepre devas ĝin vidi . . . la tuta kvartalo ĉeestos! Vi konsentas, ke ni ankaŭ tien iros, ĉu ne?“

Kion li ĉefe deziras, estas tagmanĝi. Ĉion, kion ŝi petis, li promesis mirante pri ĉi tiu kaprico; ĉar kutime li ŝin vidis malŝati la lokojn, kie oni amuziĝas, kaj nur hejme havi plezuron.

Kaj dum li ŝin sia filo, dum ŝi rapide preparis la nutraĵojn. Kaj kiam ili estis sidintaj unu antaŭ la alia, li demandis:

„Kaj la knabo? Kiu zorgos pri li?“

Malrapide ŝi levis la ŝultrojn:

„Ni kunprenos lin, komprenelble! Ho, trankviliĝu! Tio ne finiĝos tiel malfrue, kaj pli junaj ol li kutime ĉeestas!“

Li ne respondis, rimarkante ke tiu ajn parolo estus senutila; konfuse, maltrankvile timanta la klare vidis la minacon por sia hejmo kuŝantan en ĉi tiu simpla deziro: „ĉeesti kinematografon“.

* * *

Jom post meznokto ili venis hejmen. La viro unue marŝis, portante la knabon, kiu dormis, kaj serĉante, por ne terenfali sur la malbone pavimitaj stratoj, la malfortan lumon de la stratlanternoj ĉirkaŭmaskataj per densa nebulo.

Li nemulte amuziĝis. Lia simpla animo instinkte antipatiis al tiaj distriĝoj.

Lia revo estis dimanĉe fiŝkapti gobiojn sur la bordoj de la Sejno, kun edzino kaj infano repozantaj apude en la herbo. Lia granda deziro estis kontentiĝi de la siaj, sen sin turni al la malrealaj aĵoj.

Kvankam li estis tre laca, li neniel bedaŭris. Lia edzino estis havinta plezuron por ambaŭ. Plie, tiel malofte okazis en ilia vivmaniero ekseceso simila al tiu de hodiaŭa vespero!

Li kapturnis por ŝin demandi pri kontento ŝia. Sed ŝi eĉ ne aŭdis lin. Perdiĝinte en siaj revoj ŝi marŝis silente. La kinematografaj bildoj trafluĝis ŝian fantazion — unu post la alia: virinoj vestitaj per multvaloraj roboj meze de sonĝa dekoracio . . . Viroj taŭgaj por delogo . . . por ĉiuj ĝuoj de voluptamo kaj senutila vivo . . . Ensorĉemaj ĝardenoj, kie naskiĝas la idilioj kaj krimoj, kie la herooj havas kaŝitajn rendevuojn, kiuj ĉiam finiĝas per ponardfrapoj. Por ŝia naiva menso, avida je romano, tio estis simila al subita iniciato al iu ajn sekreta volupto, simila al pordo malfermata kontraŭ mirinda vivmaniero, kies multnombrajn ĝojegojn ŝi detale elpensis.

La edzo, nenion divenis pri tio, kio okazis . . .

Sed, kiam ili denove estis en sia intima ĉambro, kaj la knabo dolĉe kuŝis en sia liteto, li sin turnis al ŝi, dezirante vidi ŝian rideton kaj aŭdi ŝian ĝojon.

Sed ŝi deturnis la vizaĝon, ĉar ŝi estis turmentita, ŝi ŝanceliĝis sentante grandegan tedon pri ilia senĝoja vivo, pri ilia malriĉa hejmo de modestaj laboristoj, kiuj neniam travivas la ekstazojn de la granda mondo.

la mizuza laboro de patrinoj: kiu devas lastfine suferi la terurajn sekvojn?

Ĉiam la infano, tiu infano senkulpa, kion Dio donis al la gepatroj por ke ili savu ĝian animon kaj eduku ĝin al taŭga kaj inda membro de la homa familio!

Jen, katolikaj instruistoj, via belega tasko estas nun, fiksi la katolikajn principojn de kristana protektado de infanoj. Via misio estas montri la verajn kaj lastajn kaŭzojn de la tutmonda infana mizero, montri la vojon por plibonigo, la vojon, kiu estas lastfunde la reveno de la homa socio al la principoj de vera kaj viva kristanismo. Katolikaj geinstruistoj kaj geedukistoj, via tasko estas granda, sed belega! Kiam vi volas agade komenci? Ĉu vi ne volas fine almenaŭ provizore krei internacian sekcion de individuaj geinstruistoj, se jam ne estas eble tuj krei internacian kunligon de de la organizitaj unuiĝoj. Ika-centrejo volante helpos! La „aliaj“ jam marŝas!

Sunon al la infano! Argus.

## Tutmonda ligo por disvastigo de la Nova Testamento.

Ĉiuj ni scias, ke Eŭropo denove estiĝas materialista idolana, senreligia. Unuj post la aliaj de eŭropaj ŝtatoj forjetis la kristanajn principojn. La tiel nomitaj „politikistoj“, kiuj havas en siaj manoj la sorton de multaj homoj kaj fiere pretendas savi la homaron el la minacanta mizero, havas multege da internaciaj kunvenoj — dum la „civiliza“ naciaro senhalte sin ĵetas en la neeviteblan ruinon. Estas fakto. La hodiaŭaj ŝtatoj forlasis Kriston kaj la eklezion. Des pli urĝa estas la devo de la katolikoj, estiĝi la kristana fundamento de la modernaj ŝtatoj kaj internacie organizi siajn vivajn fortojn, por savi la popolaron el la animaj kaj korpaj mizeroj.

Inter tiuj renovigaj laboroj sendube estas unu el la plej utilaj la disvastigado de l' Evangelio tra ĉiuj popoloj. En Francujo ekzistas jam tiucela unuiĝo: la ligo de l' evangelio. La evangelio tamen apartenas al ĉiuj popoloj kaj lingvoj. Ĉiuj do devas kunhelpi por disvastigadi ĝian legadon en la tuta mondo. Ni ĉiuj ja scias, ke la papoj — precipe dum la lastpasintaj dekjaroj ne laciĝis, rekomendi al la katolikaro la ĉiutagan legadon de la sankta Evangelio. Plue ni scias, ke la angla biblia societo nekatolika eldonis multege da milionoj da novaj kaj malnovaj testamentoj kaj disdonis ilin senkoste aŭ almenaŭ plej malmultekoste inter ĉiuj popoloj de la mondo.

Kie restas ni katolikoj? Sendube estus plej utila entrepreno, se ĉiuj jam ekzistantaj evangeliistaj ligoj por disvastigo de l' nova testamento sin volus kunigi al reciproka subteno kaj praktika kunagado. Ni do adresas alvokon el tuta nia koro al ĉiuj bonvoluloj, por ke per Internacio Katolika ĉiuj evangeliaj ligoj katolikaj povu interkonatiĝi kaj kunhelpi. Ĉiuj bonvolu sendi nomojn kaj sciigojn de tiaj societoj al la Ligue Evangelique, Paris 123 rue Montmartre. Estus dezirinda, ke je la proksima kongreso de Ika sin renkontru reprezentantoj de samcelaj ligoj kaj klopodoj — —

Sed sufiĉe da paroloj! Agadu!

C. A. Gravey, Vaux.

**Rimarko.** Plej volonte ni publikigas tiun ĉi alvokon de la Ligo Evangelia, kiu kiel korporacia membro de Ika havas grandan meriton por kresko kaj sukcesa evoluo de Ika en Francujo. Ika ĝoje perados adresojn de interesemuloj. Bedaŭrinde ĉiam mankas ankoraŭ katolika eldono de la Nova Testamento. Samideanoj interesiĝantaj pri baldaŭa eldono skribu tuj al Ika.

## Internaciaj katolikaj studentaj, junulaj kaj komercaj hejmoj.

En la ĉefurbo de Bavarujo, München, oni komencas nun per antaŭlaboroj por la kreado de internaciaj katolikaj hejmoj por studentoj, junuloj ktp. Influaj personoj kaj organizoj de la en-kaj eksterlando subtenas la entreprenon, tiel ke oni esperas, ke en ne tro longa tempo ĝi povas esti efektivigata. Ĝuste München, kiel germana Romo, kun siaj multaj artajoj kaj studaj eblecoj, pro sia gastemeco ktp. kiel nenia alia urbo estas konvena por tia projekto. La planitaj hejmoj havas internacian karakteron, do junuloj ktp. el ĉiuj landoj povas esti akceptataj. Membroj de Moka kaj Ika ricevas specialan favoron. Cetere, kiu konas la grandan mizeron precipe inter la tutmonda studentaro, nur povas saluti la planon. Krom tio la estraro estas preta, akcepti Esperanton kiel devigan internacian lingvon en la hejmoj kaj propraj instruistoj, ejoj ktp. en la hejmaro servos por tiu celo.

Por la efektivigo de la projekto multe da kapitalo estas necesa. Legantoj „kiuj interesiĝas“ bonvolu turni sin al la oficejo en München, Königinstr. 38. Tie ili povas ricevi ĉiujn necesajn informojn ankaŭ en Esperanto. H. S.



## El Litovujo (Lietuva).

El katolika vivo. En Aŭgusto kaj Septembro en Kaŭnas okazis jaraj konferencoj de kelkaj pli grandaj litovaj katolikaj organizoj nome: la 3—5an de Aŭgusto — de gestudenta unuiĝo „Ateitis“ (Estonto), la 18an kaj 19an de gejunulara unuiĝo „Pavasaris“ (Printempo), la 10—12an de Septembro — de virina societo, la 13an kaj 14an de Septembro — de societo „Blaivybė“ (Sobreco).

La litovaj katolikaj gestudentoj, kuniĝintaj en unuiĝo „Ateitis“, popularе nomiĝas „ateitininkoj“ (estontuloj). La organizo ekzistas jam la duan jardekon. La devizo estas: „Ĉion renovigi en Kristo“. Ĝi eldonas propran monatan revuon „Ateitis“. Post raportoj de delegitoj de pli maljunaj kaj pli junaj filioj prof. dro Šalkaŭskas esprimis sian specialan ĝojon, ke la ateintinikoj sin turnas al la sankta Eŭharistio kaj kulturigas ĝian spiriton. Pretato A. Dambraŭskas, direktoro nacia de Ika, la unua estinta redaktoro de katolika studenta revuo „Ateitis“ (Estonto), ankaŭ esprimis sian ĝojon, rigardante nombran kunvenon de junaj fortoj, kaj konsilis al ili perfektiĝi en vivo interna kaj, sekvante Kriston, sin preti anstataŭi la „estintulojn“. Centra komitato faris raporton pri ĝia agado dumjara. La orgtnizo pligrandiĝis je ok novaj filioj.

Sekvis gravaj raportoj kaj diskutadoj pri „Studento kaj socio“ (stud. Pr. Raŭlinaitis), „Batalo kun sociaj malsanoj, precipe kun drinkado kaj sporto (dro Ehret) kaj pri „Religia praktiko de estontuloj“ (dro L. Bistras). Fine la rezolucioj koncernaj estas akceptataj kaj helpa fondo kreata. Partoprenis 65 delegitoj de filioj kaj 165 gastoj.

La gejunularia unuiĝo „Pavasaris“ (Printempo), kiu nun havas 280 lokajn grupojn kun pli ol 30.000 geanoj, eldonas propran monatan gazeton „Pavasaris“. La geanoj de la unuiĝo nomiĝas „pavasarininkai“, t. e. geprintempuloj. La konferenco faris ĉi tiujn ĉefajn decidojn: a) sobreca afero: organizadi sekciojn de geabstinentuloj, en la organo fari angulon por abstinenco, disvastigadi antialkoholan literaturon, abstinentajn jurnalojn — „Sargyba“ (Gardo) kaj „Angelas Sargas“ (Anĝelo Gardanta); b) sporta demando: la filioj organizu sportajn sekciojn kaj eniru en Sportan Federacion; c) eŭharistia demando: en filioj oni organizu eŭharistiajn sekciojn kaj en organo oni faru specialan angulon por eŭharistiaj aferoj; d) socia demando: aktive partopreni en elektado de parlamento (seimas) voĉdonate por katolika demokrata bloko. La konferenco aŭdis jenajn raportojn: de instruistino V. Arminaite: „Kiel oni devas gardi gejunularon de alkoholismo“; de Sro Likeraŭskas: pri korpa kulturo; de prof. pro Bučys: „La spiritaj aferoj de printempuloj“, de pro M. Krupavičeus, la gvidanto de kristana demokrata partio: „La printempuloj kaj socia-ŝtata vivo“.

La virina katolika societo havanta 30.000 anojn, eldonas monatan gazeton „Moteris“ (Virino). La konferenco de societo priparolis organizajn aferojn kaj aliajn aktualajn demandojn de la vivo landa. Estis legitaj belaj referatoj: de instruistino O. Zaštaŭtaite: „La volo de virino en familio“, de deputitino E. Spudaite-Gvildiene: „La sukcesoj de sobreco en Litovujo kaj aliaj landoj“, de instruistino Juozelenaite: „La principoj de mastrumo“; de deputito pentristo V. Bičiunas: „La gusto arta en ĉiutaga mastruma vivo“. Dro J. Ehret parolis pri organizigo de katolika geinfana unuiĝo de „Angelas Sargas“ (Anĝelo Gardanto).

En konferenco de societo „Blaivybe“ (Sobreco) partoprenis ankaŭ delegitoj el najbaraj Baltikaj ŝtatoj: docento de Fartua (Dorpata) universitato Dro Ernits, la prezidanto de latvia societo de sobruloj sro Kempel kaj la prezidanto de la Latva unuiĝo inĝen. Ritters. Ja oni volas fari komunan fronton kontraualkoholan tra ĉiuj tri Baltikaj ŝtatoj: Litovujo, Latvujo, Estujo — ĝis Finlando. Por tiu celo estas decidita aranĝi komunan komitaton por diritaj ŝtatoj kaj komenci eldonon de antialkohola ĵurnalo en angla, franca kaj germana lingvoj; tiuj tri lingvoj estis proponitaj por intertila-

Kaj longtempe ŝi plorĝemis, trovante ĝuon en ĉi tiuj larmoj, ne supozante ke ŝi enigis tiuvespere en sian vivon la detruontan principon, kiu konsumas la familion.

Nun la kinematografo estis al ŝi necesa plezuro ĉiujaŭde kaj dimanĉe. Tio estis tiranaĵo de la nervoj. Ŝajnis al ŝi neeble, alie kontentiĝi per sia senbrua vivo.

Jom post iom ŝi ne plu zorgis pri sia hejmo, sen emo al la laboro, kiun ŝi tiom ŝatis antaŭe; ĉion forgesante, si vivis nur en nerealigeblaj revoj.

Kiam la najbarinoj ŝin renkontis kun ŝia distrita ŝajno kaj kontraŭvola rideto, ili inter si flustris:

„Ĉu vi rimarkis la malgrandulinon de la tria etaĝo? Kiel ŝi aliiĝas! Kion ŝi suferas?“

Kaj tuj oni supozis malhonestaĵojn:

Eble ŝia edzo ne ŝin feliĉigas? Ho tiuj viroj! Neniam oni povas scii . . .

Li, la malfeliĉulo, unue suferis pro tio. Li estis provinta kelkajn rimarkojn, plendinte pri la laciĝo kiun li sentis, kiam li estis veninta hejmen tiel malfrue, por foriri al la laborejo matene je la unua taghoro.

Sed ne mankis al ŝi kontraŭargumentoj:

„Aŭdu . . . ĉar tio ne vin amuzas, restu hejme kun la knabo! Mi iros kun najbarinoj. Mi ne povas plibone agi, ĉu ne?“

Apatie li konsentis, konsciante ke tio estas forlaso, malgrandiĝo — de sia patra influo . . . eble malkuraĝo . . .

Dum la sekvantaj semajnoj li vidis rompiĝi la rompeblan konstruaĵon de sia trankvila feliĉo. Preskaŭ ĉiuvespere ŝi eliris. Necese estis rapidegi la vespermanĝon, kvietigi la knabon, kiu ploris pro ŝia foriro, kaj restadi, dum la senfina vespero, la kapon inter la manoj, pripensante sian malfeliĉon . . .

Kiel ŝi estis aliiĝinta! Si, antaŭe tiel fiera pri ilia hejmo, nun malzorgis ilian etan loĝejon . . . Ŝi fariĝis koketulino, starante dum longaj horoj antaŭ la spegulo, freŝpreparante la manĝaĵojn por kudri siajn ornamaĵojn . . . La mono fluis kiel en abismon. Li ne sufiĉe mongajnis por tio.

Kaj, kiam li kruele estis disrompinta la koron pripensante ĉi tiujn aferojn, li malfermis la fenestron . . . kaj baldaŭ, li aŭdis ŝin, kiel ŝi revenis laŭte ridante sur la bulvardo kun geamikaro . . .

Iufoje, ne plu povante toleri, li kolerege riproĉis, dirante al ŝi kion li estis suferanta kaj ke la kunesto inter ambaŭ fariĝas de nun neeble.

Ŝi lin rigardis tre kvieta, plena de malestimo je la malsaĝa, kompatinda viro, kiu ne komprenas la vivon . . .

Iuvespere, reveninta de la laborejo, li renkontis sian infanon, je la teretaĝo, en la pordloĝio. Ĉar li miris, la pordistino, kun kaŝema rideto observante lian ĉagrenon, donis al li leteron.

Li konsternite legis: ŝi estis foririnta, tedita je sia vivmaniero, kompreninte, ke ŝi ne naskiĝis por tiel pene formorti . . .

Sen iu penso li trenis la knabon en la ĉambron.

Kaj dum la malfeliĉa knabo ploris en la frosta loĝejo, li senmove sidis sur la molnova apogŝeĝo, la brakoj senmove pendantaj, la koro kruele disrompita . . .

## La religia evoluo en Rusujo.

Originalaj leteroj.

I.

La okuloj de la katolikaro pli kaj pli direktas sin Rusujon, al la korpe kaj anime mizera lando. Oni sin demandas pri la okazintaĵoj kiuj sin sekvas en ĉi tiu evoluanta mondregiono nealirebla. Kion fariĝas tie la Eklezio, la religio kristana? Mi plezure povas hodiaŭ doni al la legantoj de K. M. kelkajn eltirojn de leteroj jus senditaj al mi de amiko nuntempe loĝanta en sudparto de la sovjeta lando. Ĉi tiuj sciigoj estas kompreneble tute fidindaj. Ili elaperigas la religian konfuzon nun okazantan en la ekscara imperilando, kaj ankaŭ la esperojn de konvertiĝo, de reunuiĝo de niaj kristanaj fratoj al Romo.

En la unua letero, de la 31a de aŭgusto, mia amiko, katolika pastro de la latina rito, unue priskribis la mankon de pastroj parte kaŭzatan per la forkuro de la polaj pastroj.

„La nombro de la katolikoj malpliiĝas, same kiel tiu de la pastroj. Antaŭ $1^1/_2$ monatoj, la paroĥestro de T . . . forlasis siajn ŝafojn; tiu de R . . . kaj mia najbaro (35 mejloj) de E . . . intencas ilin imiti plej eble baldaŭ. Post kelkaj tempoj mi eble estos la lasta kaj sola pastro por tiu vastega regiono de Donets, vasta almenaŭ kiel la duono de Francujo . . .“

Tial por sin konfesi okaze de la asumpcia festo, mia amiko estis trairanta 35 verstojn kaj suferis du plenlacajn tagojn. Dum la lasta ĥolera epidemio multnombraj personoj mortis sen sakramentoj. Kaj mia amiko timis la saman sorton por si mem. Kio okazos, kiam li estos la sola pastro de ĉi tiu malfeliĉa terparto?

Poste li priparolis la ĝeneralan situacion religian: „Nuntempe okazas multinteresaj fariĝoj por ni katolikoj meze de la rusa ortodokseklezio. Parto, impona dank' al la nombro de sekularaj pastroj kaj laikoj, organizis la de ili nomitan „Eklezion vivantan“. Ili havas programon de radikaj reformoj; mi ne scias ĉiujn punktojn de ĝi, sed jen kelkaj: elekto de ĉiuj altranguloj eklezioj de la supera kaj malsupera pastraro per ĉiuj eklezianoj; reedziĝo de la vidvaj pastroj; la episkoparo estos rekrutota el la edziĝinta pastraro kaj la episkopo povas daŭrigi la kunvivadon kun sia edzino. La pastraro tondos la harojn kaj vestos la sutanon nur dum la diservoj. Oni postulas la detruon de la ikonomuroj en la preĝejoj, k. t. p. La episkopoj interinsultas; unuj pligrandigis sian eparĥion malprofite de sia najbaro, alia, alilokigita de la superega konsilantaro, kiu administras la ekleziajn aferojn dum la foresto de la Patriarko, rifuzas forlasi sian sidejon kaj ĝin transdoni al sia anstataŭanto; ĉi tiu alvenas kaj oni vidas du episkopojn, kiuj interinsultas en la sama katedro. Nova koncilio eble okazos baldaŭ. Kiaj estos ĝiaj rezultoj? Dio sole scias! La tuta Ruslando alprenis la gregorian kalen-

tiĝo. Mi ekproponis Esperanton. La proponoj estas provizore akceptitaj. Estis kelkaj raportoj: de dro Ehret pri komencita geinfana organizo „Anĝelo Gardanta" kaj pri antialkohola literaturo (la societo jam eldonas du monatajn jurnalojn antialkoholajn); de instruistino V. Arminaite: pri sobra edukado de gejunularo, de sroj Kempel kaj Ernits — pri agado de sobruloj en aliaj landoj kaj ili invitis litovan intelektularon ekstari kontraŭ alkoholismo kaj realigi la 101an paragrafon de Litova konstitucio (la rajto de komunumaj balotoj por aŭ kontraŭ drinkaj institucioj), kaj noveldonitan leĝon pri drinkaj institucioj. La societo „Blaivybe" antaŭ milito estis tre influa. 1913 ĝi havis 127 grupojn kun 29.201 geanojn plenaĝaj (9818 viroj kaj 19.683 virinoj) kaj 11.693 geanoj neplenaĝaj, 11 bibliotekoj, 30 teejojn kaj 3 geinfanodomojn. La milito tamen ĉion ruiniĝis kaj nun oni devas ĉion rekonstru. En pasinta jaro la societo restarigis 97 filiojn, en ĉi tiu jaro jam 82 filiojn.

El nacia vivo. La 29an de Septembro en ĝistempa ĉefurbo de respubliko. Kaŭnas, oni komencis festi jubileon de 600-jara datreveno de Vilnius en tiu tempo, kiam granda duko de Litovujo Gediminas faris Vilniuson la ĉefurbo de la Litova ŝtato. La jubileo daŭros tutan jaron kaj la festoj, aranĝotaj en ĉiuj partoj de la lando, memorigos Vilnius esti ĉefurbo de la respubliko.

La 22an de Oktobro en Kaŭnas estis festita la 60-jara naskiĝdatreveno de prof. dro prelato Jonas Maironis-Mačiulevičius, la poeto de reviviĝo de litova nacio. Li en 1893 jaro verkis nacian poemon „Tra doloroj al la gloro", kiu jene komenciĝas:

Kie estas ĝi (Litovujo) hodiaŭ?
Nur tombejojn oni vidas;
Kaj estas malgaje kaj brusto doloras!
Kvazaŭ post grandaj ventegoj,
Kiam sur maro la vasta
L' ondo endormas la lasta.
Kie estas la fama lando?
L' orelo aŭdas, serĉas
Kaj voĉon ĝi trovi ja volus!
Sed jam kvin jarcentoj,
Kaj leviĝas ankoraŭ ne ĝi
Post tiom suferaj doloroj!
Kaj tamen do Litovujo
Ja vekiĝos iam
Ĉar kruco la vivon promesis!

El ŝtata vivo. De la de Oktobro estas enkondukita nova valuto propra. La mona unuo sin nomas litas (lito), kiu valore egalas al dekono de dolaro. La lito dividiĝas je 100 centoj. Per enkondako de propra valuto la respubliko liberiĝis de germana marko.

La 10an kaj 11an de Oktobro estis elektoj por respublika parlamento. Antaŭ la elektoj la episkopoj de Litovujo eldonis komunan leteron kaŭze de elektoj. La episkopoj, rimarkinte ke tie, kie ne estas starigata regado de Kristo, la ŝtata vivo komencas iri malrektajn vojojn, eniĝas malvero kaj anstataŭ feliĉa vivo oni alvenos al terura fino, montris, ke por eviti tiun danĝeron, estas devo ordigi la tutan vivon — familian kaj socian — laŭ principoj de krista evangelio kaj ankaŭ nia registaro plenumu la eternajn principojn de natura leĝo. Tial la episkopoj admonis la kredulojn al du devoj, ke ili partoprenu je elektoj kaj donu la voĉojn nur por kandidatoj, de kiuj oni esperas, ke ili en parlamento, voĉdonu laŭ eternaj principoj de vereco. La elektopreparado de la partioj estis troega. La nomaraj listoj de kandidatoj estis tre nombraj. La katolikoj starigis du blokojn: la demokrata kaj la nedemokrata nomitaj „progresemuloj" kaj „agrarioj". La lastaj estis de longe prepariĝintaj kaj en elektada kampo treege atakis la demokratojn (kiuj en konstituanto havis 59 anojn kaj unuj sin zorgis pri katolika afero) — bedaŭrinde — preskaŭ kune kun socialdemokratoj — kio tre mirigas la katolikojn. Plue la progresemuloj kaj agrarioj en siaj nomaroj enskribis nekatolikajn personojn kaj iliaj nomaroj estis kunblokitaj kun listo de tiel nomitaj „senpartiuloj", inter kiuj troviĝas personoj tre neamikemaj al kristanismo. Aldono: komunistoj levigis siajn kapojn, per „laborista" nomaro (ne malmulte de tiuj revenis el Sovieta „paradizo"). La rezultatoj de la elektoj ne estas ankoraŭ publikigitaj oficiale. Sed estas klare, ke katolikoj malfacile havos plimulton post dispartiĝo; kelkaj komunistoj eniros en parlamenton. Kiam ĉio klariĝos — mi komunikos detalajojn.

El esperantista vivo. En ŝtata universitato en Kaŭnas estas enkondukita Esperanto kiel nedeviga fako. La 29an de Oktobro okazis unua leciono ĉe plenplena salono de aŭdantaro. Lektoro de esperanto estas sro Paŭlo Medem.

S. Tijunaitis
deputato.

## Praktika kunlaborado de katolikaj komercistoj.

Sufiĉe da paroloj jam estas interŝanĝitaj. Fine ni komencu praktike. La tutmonda kriso ekonomia daŭros. Neniu povas antaŭvidi la finon de tiu terura katastrofo. En ĉiuj plibonvalutaj ŝtatoj la eksportkriso estas vere grandega. Multe da fabrikoj kaj firmoj estas sen laboro. Multaj florantaj komercaj entreprenoj estas minacitaj de la ruino. Kaj nun denove ni vidas la jam delonge konstatitan fakton, ke la nekatolikoj, precipe la judoj, sin plej efike subtenas reciproke. Ĉie ni povas vidi, ke la grandaj bankinstitutoj finance subtenas la grandajn firmojn (plej ofte en la grandaj bankoj kaj firmoj la judoj havas decidan influon). Ni tute ne volas riproĉi ilin pro tiu vere imitinda helpema agado. Ni nur demandos denove, ĉu la katolikoj ne fine komprenos la taskon de la nuna horo?

Ĉu estas necese, ke ĉefe honestaj katolikaj entreprenoj pereu, dum la aliaj, travivinte la kriztempon, estiĝu pli fortaj ol nun? Ĉu ni ne fine devas praktike agadi, ankaŭ se eble la sukcesvo momento estos malgranda. Sed havu ni fine la kuraĝon, komenci per praktikaj iloj. Se ni ne sukcesos, tamen la bona intenco estas laŭdinda. Ĉu ne?

**Ni do proponas:**

1. Ika kreu provizore specialan fakon por katolikaj komercistoj. Ĉiu katolika firmo aŭ komerca oficisto (kies katolikeco estas atestata per koncerna paroĥa pastro) povas aliĝi al „komercista fako internacia" per modesta kotizo.

2. Tiuj membroj publikigotaj senpage en Katolika Mondo estos laŭŝtate enskribitaj en specialaj listoj, kiuj estos alsenditaj al ĉiu membro por facile serĉi internaciajn interrilatojn kun katolikaj firmoj.

3. La membroj havos speciale favorajn kondiĉojn por anoncoj en K. M. Sub speciala rubriko („katolikaj kumercistoj") ili rajtos je unufoja senkosta anonco (30×50 mm) kaj speciala rabato por pligrandaj anoncoj.

4. Komercistaj oficistoj, kiuj same povas aliĝi, rajtas je unufoja anonceto en sama spaco por serĉi aŭ anonci postenojn k. t. p.

5. Oni starigu kiel eble plej baldaŭ por ĉiu urbo fidindan komercan delegiton, kiu estas preta, kontraŭ repago de la poŝtkostoj doni komercajn (nur komercajn) inforojn nur al la membroj; en ĉiu ŝtato (pli poste provinco) oni destinu iom post iom ĉefdelegiton por la tuta ŝtato (provinco). Iliaj nomoj estos komunikotaj en K. M. — — —

Plej volonte ni publikigas tiun alvokon kaj subtenas energie la realigon. Ni atendas ŝinanoncojn de membroj kaj delegitoj. Samtempe ni komunikas, ke administracio de Katolika Mondo malfermas anonco-oficejon por katolikaj firmoj. Ĉiu anonco de katolika firmo, kies katolikeco sufiĉe estas atestata, estos konigita per + en dekstra suba angulo.

Ĉiu povas nun kunhelpi efike sendante adresojn de katolikaj firmoj, sin anoncante kiel komercista delegito. Disvastigu tiun artikolon en nacia gazetaro, skribante: Internacia katolika komerca oficejo komencas agadon kiel speciala fako de Ika. Katolikaj komercistoj elpetu pli detalajn informojn ĉe (oni skribu legeblan adreson) aŭ senpere per Ika, Graz, Karmeliterplatz 5.



## La signifo de senscena teatra ludado por la gejunularo.

En la sekvonta numero de K. M. ni komencos la publikigon de mallonga drama legendo el la prakristana herotempo „Tarcisius", verkita por ludado sen teatreja ilaro. Jenaj rimarkoj de la verkisto vigligu la intereson por ĝi.

Dum longa tempo la bela malnova popolludo preskaŭ estis forgesita. Sed dum la lastaj dekjaroj denove eksonis la devizo tra la landoj: reiru ni al la naturo." Oni rememoris ke la muzo de la drama



daron; la popoj ne ankoraŭ ĝin uzis kaj daŭrigas festi la Paskon laŭ la antikva kutimo. La koncilio eble zorgos pri ĉi tiu demando kaj ankaŭ pri la liturgia lingvo; ĉar tie ĉi kaj tie oni jam faras la diservojn en popola lingvo kaj en sudrusa dialekto: kiel tiuj bonuloj povus estonte kanti en la kredo: Et Unam? Laŭ mia ebla konstato, la registaro ne sin okupas pri la internaj aferoj de l' Eklezio kaj donas tutan liberecon al la pastraro por sin laŭvole organizi . . ."

Mia amiko ricevis specialajn plenpovojn de l' Papo mem, kaj li skribis: „Mi ekuzis la rajtojn al mi donitajn: en la festo de Petro kaj Paŭlo mi donis konfirmacion al 48 personoj, kaj en la festo de S. Aŭgustino, al 26 personoj, inter kiuj kelkaj ne renkontis episkopon dum 60 kaj 70 jaroj".

En dua letero, de la 2a de Septembro, li denove akcentis: „Estas nun eksterordinaraj okazintaĵoj. Tutĝenerala agitado okazas. La partio ekstrememodernista posedas programon, kiu minacos forporti la rusan Eklezion for de la sep konsiliĝoj . . . Ĉiuj, kiuj ĉi tie tutkore interesiĝas je la kredo de l' Kristo, alproksimiĝas iom post iom al la ideoj de Vladimir Solovjev. Mi tion konstatis eĉ en miaj rondoj. Se ĵumatene mi enirus la slavan riton, jam morgaŭ mi havus ŝafaron."

Kiel konkludi? Se ne por la paroloj evangeliaj: Levu viajn okulojn kaj rigardu la kampojn, ke ili jam estas blankaj por la rikolto. (Joh. IV. 35.) La rikolto estas granda, sed la laborantoj estas malmultaj; petu do la Sinjoron de la rikolto, ke li sendu laborantojn en sian rikolton. (Luko X. 2.)

Estas ja devo nia preĝi nuntempe por niaj malfeliĉaj fratoj disigitaj de ni, katolikoj, nur per sanceliĝanta barilo de jarcenta antaujuĝo.

Max Roub.

II.

Alia originala letero:

„ . . . Nuntempaj reformoj en la ortodoksa eklezio multe faciligas agadon de katolikaj pastroj rilate al aliĝo de multaj ortodoksuloj al la sankta eklezio. Multaj ĉefepiskopoj kaj episkopoj de la ortodoksa eklezio nun troviĝas en malliberejo kaj multajn episkopojn lokaj eparĥiaj komitatoj de „progresema" pastraro eksigis. En Moskovo la usurpuloj organizis la „superan eklezian administracion", kies ĉefo estas episkopo Antonin, anatemita de la Patriarko. Plimulto de la pastraro kaj laikaro estas kontraŭuloj de iliaj reformoj kaj senpacience atendas la lokan koncilion. La programo de la progresema pastraro estas

1. episkopoj devos esti edzigitaj
2. eparĥiojn administras pastraraj konsilantaroj
3. komuna monkaso.

La „progresemuloj" preskaŭ ĉiujn sakramentojn kaj dogmojn forigas. Ili estas pli multe da reformoj ol Luther. —

Mi kredas, ke nun estas ne malproksima la tago, kiam anoj de la ortodoksa eklezio forlasos la eklezion de la „progresemuloj" kaj aliĝos al la sola vera eklizio.

Pro Kolobaŝkin.

* * *

El originala artikolo de „Corriere della Sera."

„La katolika eklezio devis komenci la batalon sub plej malfacilaj kondiĉoj. Oni batalas ĉiam; tamen la katolikismo povas sin glori pri unua venko, ĉar multaj pliĥruaj kontraŭekleziuloj nun aliĝas al ĝi: la ortodoksaj. La rezisto de la katolika eklezio malfacile estas rompebla. La katolikaj pastroj ne havas familion, tial perfortaĵoj kontraŭ edzino kaj infanoj ilin ne povas ektimigi. Kaj dum post la granda amaso de la ortodoksa pastraro staras neniu, la malgrandeta nombro de katolikaj pastroj sin apogas je Romo. Kiam la bolŝevistaj oficistoj volis devigi ilin, rekoni ŝtatajn leĝojn sur religia teritorio, ili rifuzis tion dirante, ke laŭ siaj instruoj ili tiuspecajn ordonojn nur povas akcepti el Romo . . .

La katolika episkopo de Petersburg dufoje estas ĵetita en malliberejon. 6 pastroj devas resti dum 5 jaroj en malliberejo . . . La katolikaj pastroj vivas en terura mizero, kiu apenaŭ permesas zorgi pri la vivebleco de la konvertintoj. Tio multe malhelpas la revenon al la katolika eklezio . . . En Petersburg sin kreas de si mem la kun Romo unuigita eklezio; ĉar la el la sovietista eklezio ekziĝintaj pastroj (edziĝintaj) jam solenas la sanktan meson en katolikaj preĝejoj . . . En Lublin estiĝis katolika kolegio misia de misiistoj por sovieta Ruslando, kiu al la reformuloj estas granda skandalo . . .

* * *

Koncerne la agadon de la papa helpkomisio en Rusujo alvenis ĝis nun mallonga raporto de tiu ĉi grupo, kiu sin trovas en Eŭpatorio sur la duoninsulo de Krimo. La lokaj magistratoj tie aranĝis ĝeneralan kunsidon por pripensi la ilojn taŭgajn je la subteno de la papa helpkomitato. Ili esprimis la dankon al lia papa Moŝto kaj transdonis al la komitato la du distriktojn de Eŭpatorio kaj Diankej, kies loĝantaro konsistas precipe el polaj, germanaj, ĉeĥaj kaj estnaj vilaĝanoj. 35.000 infanoj estas transdonitaj al la zorgo de la komitato . . .

v. L.

* * *

Kongreso de ekzilitaj profesoroj rusaj en Praha. La ekzilitaj profesoroj de la tuta Rusujo kunvenis meze de Oktobro en Praha por pritrakti la organizadon de la supera instruo kaj de la ekonomia situacio de la ekzilitaj rusaj studentoj. Sro Névéroff, profesoro en Bruselo, laŭdis i. a. precipe la seninteresan agadon helpeman de kardinalo Mercier de Louvain (Leuven, Belgio), kiu grandanime helpis la rusajn studentojn en la de li mem fondita katolika universitato en Leuven. 40 studentoj ĝis nun havos hejmon („burson") kaj ricevas ĉion necesan. Plue la kardinalo ordonis, ke oni kolektu en ĉiuj eklezioj por havi sufiĉajn subtenilojn por la 150 rusaj studantoj troviĝantaj en Leuven. Fine li deziras ke ĉiuj katolikaj kolegioj akceptu certan nombron de junaj rusoj kaj ilin eduku kune kun la infanoj de la lando . . . Sendube plej imitinda agado . . .

K. M.

poezio naskiĝis kaj komencis kreski en libera naturo, kaj tie dum jarcentoj fortplene prosperis. Ĉie nun oni trovas senteatrejajn ludadojn kaj la ĝojiga fakto, ke oni jam sukcesis interesigi la gejunularon por tiu nobla speco de scena ludo, garantias daŭran ekzistadon. Ne nur de la arta-estetika vidpunkto oni bonvenigas la belajn malnovajn ludojn de tia artbranĉo, sed ankaŭ la valoron rilate al edukado neniu povas nei.

Niaj gejunuloj estas ĉiuj pli malpli aktoroj. Kelkaj da plej amataj infanludoj (ekz. rabisto kaj policisto, soldatoj, indianoj, lernejo ktp.) propre estas improvizitaj senscenejaj ludoj ne por publiko, sed la aktora ludado mem estas ĝuo kaj bezono por junula animo. Do nobligi tiun ludemon kaj eduki ĝin al pli alta celo estas inda tasko por amiko de junuloj. La enhavo de la dramoj pro la ludado penetras en la spiriton kaj animon de juna aktoro. Ne nur la memoro, sed ankaŭ la parolkapableco lertiĝas. Li kutimiĝas al lerta konduto kaj laŭplana kunlaborado. Bezoniĝas al li ĝojigi kaj helpi aliajn. Plibonigi la gejunulajn teatraĵojn estas do granda utilo por edukado. Tial oni klopodu en tiu direkto jam en la lernejo kaj kun bona sukceso oni povas eksciti la geknabojn, kiam lernanto deklamas taŭgan poeziaĵon aŭ kiam oni pritraktas fabelojn, legendojn k. s. Pli talentaj gelernantoj, precipe kiam ili estas anoj de junulunuiĝo por kunaj ekskursoj en la pli malpli proksiman ĉirkaŭaĵon volonte preparos kaj lernos malgrandan ludon teatran, se ĝi estas tiel verkita, ke oni ne bezonas aparaton, sed povas ĝin ludi sur iu ajn taŭga loko, ĉu en arbaro, ĉu sur herbejo aŭ eĉ sur vilaĝplaco; kaj la ĝoje mirigitaj rigardoj de vilaĝanaro kaj la gaja aplaŭdo de rigardantaj infanoj kuraĝigos ilin por ripeto. Instruistoj kaj edukistoj certe spertos, ke la foruzita penado riĉe rekompenciĝos. Sed oni zorgu, ke la kostumaro restas nur aldono. La ĉefa afero devas esti sentima parolado kaj senmalhelpa kunagado kuraĝa de la aktoroj. Ĉiu ludu sen troigado kaj troefikemo. Tiam ankaŭ malbona vetero ne povas malebligi tian ludon, ĉar ekzemple draŝejo povas esti bonega ludejo kaj rigardejo. Krome tiaj verkaĵoj devus esti (escepte de specialaj verkoj por historia loko) kiel eble taŭgaj por ludi ilin ankaŭ sur iu ajn scenejo per plej simpla aranĝo.

La literaturo de senteatrejaj ludoj bedaŭrinde ja nur estas tre rara. La plej nobla formo de ĝisnunaj tiaj ludoj estas alfarita al certa naturbela aŭ historia loko, kaj tial ne estas ĉie ludeblaj kaj pro ilia loka rilato unue utilas pro vigligi la hejmamon. Krom tiuj apartenas al la plej valora provizo kelkaj prilaboritoj malnovaj popolludoj kaj serio de fabelludoj pro ilia originaleco, simpleco kaj rava naiveco. Sed precipe mallongaj teatraĵetoj, kiujn oni ĉie ajn povas ludi per modesta aparato, ĉu okaze de ekskurso, ĉu en iu ajn salono dum familia vespero, estas dezirindaj kaj ofte deziritaj vane, ĉar la provizo de tiaj verketoj estas ankoraŭ tro malgranda por libera elektado.

Tial mi esperas, ke mia duakta drama legendo el kristana herotempo estas bonvena precipe en katolikaj rondoj junulaj. Por ke ĝi estu alirebla ne nur por germanoj, mi petis la kolegon prof. Dro Christanell, ke li traduku ĝin esperante. Se iu ajn deziras traduki ĝin en nacian lingvon, mi ne malhelpos, se li demandos min. Ankaŭ pri okazonta ludado de mia verketo mi petas sciigon por havi statistikon. La germana teksto kun specialaj avizoj por ludado kaj kun bildo, sur kiu oni vidas plej taŭgan kostumadon, aperis unutempe ĉe eldonejo Zaŭnrit en Salzburg, Aŭstrio sub titolo: „Wildfangs letzter Streit."

Prof. Dro Firmin Prast.
Salzburg, Post Parsch.

**Rimarko de la redakcio.** Ĉar ĝis nun absolute mankas taŭgaj, simplaj teatraĵoj kun vere bona enhavo por niaj grupoj, ni ĝoje publikigas tiun drameton en K. M. Plue Paŭlus-eldonejo estos preta, eldoni apartajn ekzemplerojn broŝuritajn, se sufiĉa nombro da interesemuloj sin anoncos.

## Gravaj Komunikoj.

1. **Naciaj abonejoj:** Por plifaciligi la enpagon de abonmonoj por la tria kolekto estos starigataj naciaj abonejoj, ĉefe por ŝtatoj, kie ni ne posedas poŝtkonton. La samideanoj, kiuj estas pretaj preni sur sin la nacian abonejon, havos speciale favorajn kondiĉojn. Interesemuloj skribu tuj al Katolika Mondo, Graz, Karmeliterplatz 5.

3. **Germanaj samideanoj!** Dum la lasta Ika-konferenco en Essen oni decidis, krei germanan sekretariejon de Ika, provizore en München, Isabellastraße No. 40. La sekretariejo, kiu komence agados precipe por Bavarujo kaj sudgermana parto, por tuta Germanujo peradas varbmaterialon, donas informojn pri la germana movado kaj organizo, akceptas abonojn por K. M. ktp. Ni petas niajn samideanojn en aferoj tuŝantaj la germanlandan propagandlaboron interrilatiĝi kun la germana sekretariejo. Afergvitanto de la sekretariejo estas nia kara samideano Hanns Sappl.

Pri la Ika-Konferenco en Essen ni pli detale raportos en sekvonta numero sub „El la movado".

4. **Al ĉiuj!** La nuna mondkrizo ekonomia precipe trafas la idealajn entreprenojn, kiuj ne havas elnegocajn regulajn enspezojn. Kompreneble Ika kaj K. M., kiel junaj idealaj entreprenoj multege suferas sub la financaj sekvoj de tiu ĉi ekonomia krizo. Unue la senvaloriĝo de la aŭstra mono danĝerigis la estonton de nia labora. Kiam tiu krizo per la oferema agado de la gekunlaborantoj en CAO estis iomete forigita, la ruino de la germana marko kreis pli danĝeran situacion. Estas nepre necesa, ke ĉiu Ika-ano partoprenu je la oferoj por finance plifortigi la movadon kaj ni petas ĉiujn samideanojn, esplori diligente la konsciencon, ĉu ili pagis almenaŭ la membrokotizajon por la kuranta jaro?

Estas nepre necesa, ke dum la jaro 1923 estu pli da disciplino, pli da organiza agado, pli da oferema kuhelpo. Estas ne nur neble, sed ankaŭ maljuste, ke kelkaj personoj solaj portu la oferojn kaj la respondecon por tiel grava movado. Ĉiu pripensu sian eblecon por kunhelpi kaj kunlabori.

4. **Raportistoj por K. M.** En ĉiu lando ni serĉas almenaŭ unu fidindan raportiston por K. M., kiu sin devigas sendi unu raporton almenaŭ pomonate por enriĉigi la enhavon de K. M. 12 leteroj en jaro, ĉu tio estas tro granda ofero? Oni laŭdas Sron Tijunaitis kaj Sron Max Roub pro senlaca kunhelpo.

5. **Junuloj!** Jam delonge estas nia intenco malfermi propran angulon por la gejunuloj. La redakcio disponigas sufiĉe da spaco, por ke la junuloj mem trovu okazon, interŝanĝi siajn ideojn. Kiam sufiĉe da taŭgaj manuskriptoj ĉeestas, ni komencos. La junuloj povas diskuti pri ĉiu ajn temo. Sed skribu kaj raportu mallonge! Evitu ĉiun superfluon! Rekomendindaj estas mallongaj diskutoj pri aktualaj temoj per la junuloj mem kaj raportoj mallongaj pri la junula movado diversnacia.

5. **„Kie estas amo . . .":** noveleto de Tolstoj, elirinta jam en alia eldonejo, ne aperas kiel broŝuro. Sro L. Fünken, kiu afable tradukis la rakonton, kaj pro tio meritas publikan dankon, petas nin sciigi, ke li ne loĝas en Köln, sed en Koblenz, Florinsmarkt 7. Kompreneble la tradukisto ne estas responda por la kelkaj preseraroj kaŭzitaj ĉefe per rapidega laboro de la korektanto, kiu dankinde faras tiun penan laboron dum libertempo. En la sekvontaj numeroj aperos teatraĵo belega „Tarcisius".

## Anoncetoj.

**La kostoj por unufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la prezon de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.**

Sro J. Übleis, Linz, Herrenstr. 26, deziras interŝanĝi PM. kun Nederlando, Portugalio, Hispanio.

Francisko Petraitis, Jurbarkas, Jokubaičiai Litovnjo, deziras korespondadi kun ĉiulandaj katolikoj pri diversaj temoj, kaj interŝanĝi Esp. gazetojn. Mi ĉiam kaj certe respondos.

Jan Vasiledski, Volbs, Czestochowa, ul. Wielunska 16, Polujo, deziras korespondadi kun gesamideanoj per P. J.

Sro Franz Höretsauer, Wien, XV., Grimmg. 25/15, deziras korespondadi kun samideoj el ĉiuj landoj. Ĉiam certe respondas.

Hejmo (tuta pensiono) por gefremduloj (4 fr. sv. ĉiutage) ĉe Pro Koller en Unter-Nall (Retz), Aŭstrujo.

Interŝanĝo de PM, PK k. papermono kun ĉiuj landoj. Elsendo de belegaj elektoj al ĉiuj kolektantoj. Postulu niajn senpagajn prezareton kaj prospekton. Internacia Klubo Filatelista „Oriento", skrytka poczt. No 110, Wilno (Pollando).

Frant Lisý en Kladno, Stulcova 109, Bohem., Ĉeĥosl., deziras korespondadi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn el ĉiuj landoj.

Frant Buhr, bankoficisto, Praha-Břevnov 257, Ĉeĥosl., deziras interŝanĝi il. kartoj kaj korespondadi pri katolika movado en Ĉeĥoslovakujo.

Janisch Peter, Gsehmaier, Groß-Steinbach ap. Ilz, Ost-Steierm., Austrio interŝanĝas P. M. kun ĉiuj landoj, se eble ne uzitajn kompletajn seriojn; sed ne kondiĉo; liveras neuzitajn aŭstrajn seriojn.

Pro Kamil Laudin, katechisto, Kročehlavy ap. Kladno, Ĉehosl. dez. kor. kaj interŝangi P. M. kun samkredanoj el Luksemburgo, Irlando, Malta insulo, Gibraltar, Palestino, ĉefe kun pastroj.

Helpkrio. Juna akademiano pulmomalsaniĝis kaj deziras kiel pruntajon aŭ hipotekon sumon de 20 dolaroj per bonvalutulo por ebligi monatan restadon en resanejo. Oni skribu sub „helpkrio" al la redakcio de K. M.

Kiu povas vendi al mi la kompletan unuan jarkolekton de „K. M." bone konservitan. Barth. Kraŭs, O. P. Koop., Hötzelsdorf, Nied.-Oest.

Sro V. Grasser, St. Margareten-Knittelfeld, Stirio, Aŭstrio korespondas kun gesamideanoj el jenaj landoj: Rusujo, Finlando, Estlando, precipe kun ŝtatanoj de postcaraj rusaj ŝtatoj krom Polujo. Plue mi deziras korespondadi kun gesamideanoj en Palestino, Grekio kaj Egiptio. Interŝanĝas leterojn kaj arte ilustr. P. K. eventuale P. M.

Sro M. Achter, studento, Dillingen a. D. Altes Knabenseminar, Germ. dez. K. kun studento de katolika junula movado en Katalunio „Pomells de juventud".

Sro M. Stegmüller, stud. Dillingen a. D. Altes Knabenseminar, Germ. dez. kor. kun studento de Association Cath. de la jeunesse francaise, france aŭ esperante.

Myszków, Izkota fabryerna Tow. Akc. Steinhagen, Wehr Ska. maneryeiel; Nazimierz Skup, Pollando dez. kor., interŝ. P. M.

Sro W. Gavenda, ul Mirows Ka 6, Cestochawa, Pollando dez. kor. kaj interŝ. P. K. kun gesamideanoj ĉiulandaj.

Sro W. Mudrak, Wien, XV., Gebr. Langgasse 7, Aŭstrio, deziras korespondadi kun gesamideanoj el ĉiuj landoj precipe pri vera katolikismo, paco kaj Eo. movado, socia demando ktp.

Karaj geamikoj! Infanoj bedaŭrindaj, sengepatraj petegas vin en la nomo de Jesu: Sendu por kristnasko helpdonacon (nacian bankbileton aŭ ĉekon) al la infanejo katolika malriĉa: „Johanneswerk" en Fürfeld, Rheinhessen, Germ. Poŝtĉekoficejo: Frankfurt a. M. Nr. 18.526: Johanneswerk-Fürfeld.

## Internacia poŝto.

Dr. Dolák, ĈSl. Koregan dankon por via afabla subteno de K. M. Vivu sekvontaj.

Prel. Dombr., Kaŭnas koran dankon por mono sendita! Por la tria kolekto ni fiksos la prezon en nova litova mono.

R. Ciesz. Pozn. „Kirchenzeitung" estas mendata. Kompreneble mi ne volis esprimi iun politikan juĝon pri G; ni tre bone scias, ke oni ambaŭflanke pekas, se tiuspecaj naciaj bataloj eksplodas. Sed laŭ mia opinio la loĝantaro, kiun mi persone ekkonis dum pluraj monatoj estas „malfeliĉa" kaj kompatinda. Estas plej malfacile, trovi tute objektivan juĝon. Saluton kaj dankon!

A. V. Wien. Pagu ankoraŭ 1000 Kr.; 1000 ni kalkulas por sendado.

Stupno. Ni ricevis! Dankon!

Sro F. Svisujo. Bone ni ricevis la senditan sumon. Pri la abonprezo vi estas prava. Sed momente estas neeble tion ŝanĝi; ĉar alie K. M. tuj malaperus. Tamen ni esperas komence de la 3a kolekto, post definitiva haltigo de la germana valuto fiksi pli justajn prezojn. Same ni en 3a kolekto ĉiunumere superskribos la monaton. Nun aperas pomonate unu numero.



Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5. — Posedanto kaj Eldonisto: „Ika", Graz, Karmeliterplatz 5. — Responda Redaktoro: Dr. M. J. Metzger, Graz, Karmeliterplatz 5. Presejo: Heinrich Stiasny, Graz.